5/1998
Auxgusto/Septembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# H.E.S. havas novan estraron

(Pli aktualaj fotoj bedauxrinde ne estis je dispono.)


Jürgen Wulff, prezidanto.
foto: 1995


Dr. Vesna Stanicic-Burchards
vicprezidanto. foto: 1994


Pia Haasis, sekretariino.
foto: 1995


Kai Pöhlmann, kasisto.
foto: 1997


Kerstin Baasch, junularo
foto: 1998


Gerald Roemer, adjunkto.
foto: 1992

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de<br>n-ro 6/98: 16 - 09 - 1998<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65 |

| | |
|---|---|
| 11. Jubilea Cxebalta Esperantista Printempo en Mielno | Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97<br>eMail: EsperantHH@aol.com |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

La adreso de la nova prezidanto:
Jürgen Wulff
Bürgerweide 73 B
20535 Hamburg
Tel: 25178993
Fax: 25178994
eMail: BTWulff@aol.com

---

**Sentenco**

Nur en soleco
oni sentas
la soifon je vero.

Maria Zambrano

Enhavo

---

Eksterordinara Cxefkunveno

La 2an de Julio 1998 finfine okazis la cxefkunveno de HES. La dato estis tiom malfrua, cxar la revizorado de la kaso ne povis okazi suficxe frue. Ankaux dum la eksterordinara cxefkunveno la kasrevizoroj ne volis proponi sencxargxigon de la kasisto. Laux propono de la konsilantaro, la kluba kaso estis ankaux revizorita de profesia revizoro, kiu raportis, ke la kaso ne enhavas gravajn erarojn. Surbaze de tiu raporto la konsilantaro proponis la sencxargxigon de la estraro, cxar evidente ne okazis defrauxdo aux alia misuzo de kluba mono. Poste okazis vigla diskuto pri la sencxrgxigo.

Fine oni decidis skribe vocxdoni pri la sencxargxigo de prezidanto, kasisto kaj la resto de la estraro dise. La **sencxargxigo estis akceptita**, kvankam ne tre sukcesa, por la prezidanto 12 kontraux 9 vocxoj, por la kasisto 11 kontraux 10 vocxoj kaj por la resto 18 kontraux 2 vocxoj.

Poste okazis vigla diskuto pri la nova estraro; speciale malfacile estis, trovi iun, kiu pretas transpreni la kason. Pluraj proponitoj rifuzis.

Fine estis elektitaj jenaj personoj - sen kontrauxvocxoj:

Prezidanto: Jürgen Wulff      Vicprez: Vesna Stanicic-Burchards
Kasisto: Kai Pöhlmann      Sekretario: Pia Haasis
Adjunkto: Gerald Roemer      Junularo: Kerstin Baasch

Ankaux la konsilantaro estis nove elektita (unuanime):

Peggy Ley, Sylwia Pöhlmann, Heike Hagen, Jutta Sültz, Johann Eitmann

Kiel kasrevizoroj estis elektitaj:

Beate Jagota kaj Elsbeth Wielgus

# Kotizoj 1998

La cxefkunvenon decidis novajn kotizojn por HES ek de Januaro 1999:

Ordinara membro: (gxis nun 65,--) **nova kotizo: DM 78,--**
Familiano, junulo, sen enspezoj: (gxis nun 35,--) **nova kotizo: DM 42,--**

*Benno Klehr*

Enhavo

---

**Liebe Mitglieder,**

in den letzten Monaten hat der Verein eine aufregende und anstrengende Zeit hinter sich gebracht. Viele Mitglieder haben sich sehr engagiert, um unseren Verein, der die Basis für unsere Esperanto-Aktivitäten darstellt, zu erhalten. Dafür möchte ich allen danken, die Arbeit und Mühe investiert haben.

Um die Vereinsarbeit wieder zu beleben, wird in der nächsten Zeit einmal im Monat ein Abend „Klubaj Aferoj" mit festem Thema stattfinden. Dem aktuellen Programm können Sie die bisher geplanten Abende entnehmen. Anregungen für weitere Themen werden wir gern aufgreifen.

Lassen Sie uns nun wieder das tun, was die Aufgabe des Vereins ist: Esperanto praktizieren, über Esperanto informieren und dafür werben, Esperanto-Kursre und -Seminare anbieten. Dazu stellt das Esperanto-Haus mit seinen gut ausgebauten Räumen eine hervorragende Grundlage da. Nutzen wir sie!

Jürgen Wulff
1. Vorsitzender

**Karaj membroj,**

dum la lastaj monatoj la societo pasis ekscitan kaj strecxan tempon. Multaj membroj tre engagxigxis por vivteni la societon, kiu estas la bazo de niaj Esperanto-aktivajxoj. Pro tio mi volas danki al cxiuj, kiuj investis laboron kaj penon.

Por ree plivigligi la klublaboron, en la venonta tempo unufoje monate okazos vespero kun „Klubaj Aferoj". Vi povas trovi la gxis nun planitajn vesperojn en la aktuala programo. Proponojn pri pliaj temoj ni volonte akceptos.

Ni denove faru tion, kio estas la tasko de nia societo: Praktiki Esperanton, informi kaj varbi, oferti Esperanto-kursojn kaj -seminariojn. Tiucele la Esperanto-domo kun siaj bone ekipitaj ejoj disponigas bonegan bazon. Ni utiligu gxin!

Jürgen Wulff
prezidanto

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Auxgusto | Septembro |
|---|---|
| **6** Klubaj Aferoj<br>*Varbiloj por la klubejo*<br><br>**13** Klubaj aferoj<br>*Montrofenestro*<br><br>**20** Preparado de<br>Du und Deine Welt<br><br>**27** Preparado de<br>Du und Deine Welt<br><br>**28.8.-6.9.** Ekspozicio<br>Du und Deine Welt | **3** *d-rino Vesna Stanicic-Burchards:*<br>Montpellier<br><br>**10** Preparo de stratbazaro<br><br>**12** Stratbazaro<br>Klaus-Groth-Straße<br><br>**17** Rikolteo de<br>Du und Deine Welt<br><br>**18-20** Hansa Esperanto Tago<br>(Laasby, Danio)<br><br>**24** Klubaj aferoj<br>*Varbado-koncepto* |

**Temoj de „Klubaj Aferoj"**

Auxgusto: 6.8. Varbiloj por klubejo; 13.8. Montrofenestro

Septembro: 24.9. Varbado-koncepto (vd. 2.4.)

Oktobro: 15.10. La Konsilantaro prezentas sin

| |
|---|
| Novembro: 5.11. Programo de Zamenhoffesto<br><br>Decembro: 3.12. Biblioteko |

Enhavo

---

**Jxauxde malsxlosi la klubejon**

**La Hamburga Esperanto-Domo estu malferma Jxauxde ek de la 19a horo.**
Por garantii tion, estas bezonataj personoj (membroj), kiuj venas iom pli frue por malfermi la klubejon.
- Ne cxiam la sama! - Elsbeth Wielgus ne cxiam havas tempon.
Ne estas granda laboro: Enskribu vian nomon por unu Jxauxdo en la kalendaron apud la informtabulo en la klubejo! (aux por du aux tri...)

Enhavo

---

**Alster-Radio**

**Hamburg,** ehh. La 1an de Junio 1998, dum Pentekosta elsendajxo „Stadtparadies" de *Evangelischer Rundfunkdienst Nord* en Hamburga Alster-Radio, estis auxdigita mallonga intervjuo pri Esperanto kun *Elsbeth Wielgus* kaj *Jürgen Wulff.*

Enhavo

---

**DDW**
**28.08. - 06.09.98**

Ni petas libervolajn helpantojn, partopreni en la prizorgado de nia stando en la ekspozicio Du und Deine Welt. Speciale por la informado **dum la laboraj tagoj** estas bezonataj volontuloj.
Tamen ankaux por la konstruado kaj transporto estas bezonataj helpantoj, kaj iu kun auxto.
Se vi pretas helpi, bonvolu sciigu tion al *Benno Klehr*, Tel. 435197 aux en la klubejo.




Enhavo

---

**Interreto**

Membroj, kiuj havas propran interretan adreson, sendu tiun al Frank Merla.

Enhavo

---

## Akademio

Hamburg, ehh. La 1an de Julio 98, vespere kunvenis grupo de Hamburgaj klubanoj, laux invito de ***d-ro Werner Bormann***, por elnombri la leterajn vocxdonilojn por la elekto de novaj prezidanto, vicprezidanto kaj kasisto/sekretario de la Akademio de Esperanto. Fine naux atestantoj subskribis la rezulton:
**Prezidanto: *Geraldo Mattos***
**Vicprezidanto: -----------**
**Kasisto/sekr.: *Renato Corsetti***

Enhavo

---

## Jubilea Cxebalta Esperantista Printempo en Mielno

De la 9a gxis la 18a de Junio 1998 okazis en Mielno (PL) la 20a Cxebalta Esperantista Printempo, en kiu partoprenis 58 geesperantistoj el 9 landoj (Britio, Germanio, Svedio, Danlando, Rusio, Cxehxio, Ukrainio kaj Pollando).

La altan protektadon de jubilea CxEP prenis sur sin du grandaj simpatiantoj de Esperanto: vicprezidanto de Koszalin kaj komunumestro de Mielno, kiuj jam de multaj jaroj subtenas la arangxon.



En la solena inauxguro partoprenis multaj esperantistoj kaj honoraj gastoj el Koszalin, inter kiuj trovigxis ankaux redaktoroj de la lokaj amaskomunikiloj. Cxiujn kunvenintojn tre varme

bonvenigis en Mielno s-ro Czes/law Baranowski, cxeforganizanto de CxEP-arangxoj ek de 1991 kaj samtempe prezidanto de kosxalina E-filio.

En sia inauxgura parolado li prezentis i.a. historian skizon de CxEP-arangxoj, partoprenitaj gxis nun de 1160 personoj el 15 landoj.

En la distra parto estis aplauxdata **junulina kantensemblo** „Espero" el le Junulara Kulturdomo el Koszalin kaj interkonan vesperon agrabligis **Koszalina Korta Kapelo** „Adacxjo".

En la gastama ripozcentro okazis bone organizita programo:

Prelegoj, videofilmoj, diversaj konkursoj, ekskursoj, lingva perfektigo kaj kantado kun akordeona akompano.

Okazis ekskursoj al Koszalin, Kolobrzeg, Rosnowo kaj Jamno-lago.

Al la Esperanto-programo kontribuis multaj eksterlandaj esperantistoj kadre de **7 naciaj vesperoj**.

Tre placxis al cxiuj **poezia vespero** (4 Esperantistoj prezentis proprajn poeziajxojn) kaj **vespero de Euxro-humuro**, kun multaj premioj por la plej bonaj sxercemuloj.

Oni povis bone ripozadi sur la plagxo kaj nagxi en la maro aux en subtegmanta marakva nagxejo. Cxiutage oni promenis laux la marbordo, sendepende de la agxo kaj vetero.

Cxiuj nur parolis en la Internacia Lingvo.

Malgraux la malfavora vetero la arangxo estis tre sukcesa.

Enhavo

---




la granda ekspozicio
**en Hamburg**
28.8.-6.9.98
**Ekspoziciaj Haloj**
Halo 4, stando 4034

Enhavo

Re al la cxefpagxo